# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ



OBSAH — ENHAVO:



 

1907 DUBEN—APRILO I. 4.

 

Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj

# Časopis Českých Esperantistů

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu:
Praha II., 313. Karlovo náměstí.
(Poštovní známky všech států přijímají se v plné ceně.)
Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:
Praha II. 313. Karlovo náměstí (Bohemujo-Aŭstrio).
(Poŝtmarkoj de ĉiuj ŝtatoj estas akceptataj plenvalore.)
La redakcio rezervas por si la rajton korekti la munuskriptojn por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

*** ***

**Avizo:** Nia redakcio jus eldonis duan serion de novaj propagandaj poŝtkartoj, presitaj sur glata, blanka papero; sur duono de ilia adresflanko estas malgrandigita la bildo, kiu ornamas nian revuon, la alia flanko estas rezervita por la sciigoj.

Prezo (afrankite) de ĉi tiuj poŝtkartoj estas: 10 ekz. 15 hel., 25 ekz. 30 hel., 50 ekz. 60 hel., 100 ekz. K 1·15 (Pagu per poŝtmarkoj).

Esperantajn gazetojn ni petas pri afabla interŝanĝo; atentigo: bohema č = ĉ esp.! Ni petas ĉiun, kiu havas superfluajn ekz. de Č. Č. E. sendi ilin al ni, ĉar nian provizon elĉerpis la specimene sendataj ekz. kaj nun ni posedas nur tre malmulte da ili por novaj abonantoj.

Bohemajn lernolibrojn mendu direkte ĉe edonanto s-o Čejka, Bystřice p. H. Moravio, ne ĉe nia redakcio. Citante la nomon de nia gazeto vi ricevos la sendajon per poŝto revenanta.

Kunvenoj okazas ĉiumerkrede vespere en restoracio de Donát, Praha II. Spálená ul.

Numero 4-a malfruiĝis pro striko en la presejo.

**Adresaro**: Ni metas je dispono de ĉiu (eĉ neabonanto), kiu volas ion publike anonci, lokon sur ĉi tiu kovrilo. Por enpreso de du linioj (nekomerca anonco) oni pagas 50 helerojn.

Vojtěch Němec (Kroměříž Havlíčkova tř. 87. Moravio. Aŭstrio.) korespondas per ilustritaj poŝtkartoj.

Vladislav Giercuszkiewicz (Nowy-Sącz, Galicya) deziras korespondadi kun Esperantistoj de Praha.

Karel Puchwein, hotelposedanto (Rychnov nad Kněžnou, Bohemujo) interŝanĝas poŝtmarkojn.

R. Faukner, Hradec Králové, Paedagogium (Bohemujo) deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj fremdlandajn naturaĵojn.

# La tria kongreso.

La plej bona reklamo por niaj progresoj estas certe internaciaj kunvenoj ĉiujaraj, pri kiuj faros la naciaj ĵurnaloj raportojn aŭ almenaŭ rimarkojn. La kongreso, estante aranĝata ĉiam en alia lando, interesas nature ankaŭ multe da neesperantistoj, kiujn altiras precipe la scivoleco vidi la uzadon de nova lingvo, kiuj volas konvinkiĝi pri tio, ke Esperanto sufiĉas por la granda rolo. Pri tiuj vizitantoj zorgas la komitato per aranĝo de ekspozicioj, specialaj festoj, teatraj ludoj, ekskursoj k. s.; tie ili havas okazon observi la „internacian vivon", interparoli kun la partoprenantoj kaj juĝi. Tial oni trovos en la programo de tria kongreso krom la tagoj de kunsidoj ankaŭ tagojn difinitajn por balo, teatro, festenoj k. t. p. Pri la preparaj laboroj zorgas komitato elektita provizore en la dua kongreso kaj aprobita de la Brita Esperanta Asocio: Kolonelo Dr. Pollen, Dr. G. Cunningham, H. B. Mudie — La Trio por la Tria. Unua tasko de la Angloj estis la elekto de loko: juĝante, ke granda urbo malpli bone taŭgas por nia kongreso, ĉar la loĝantaro ne povus doni al ĝi sufiĉe da atento, pro kio la celo supre nomita — altiro de neesperantistoj — malprosperus, ili elektis urbon negrandan, Cambridge (elp. Kembriĝ), 80 km norde de London, kiu havas 45.000 loĝantojn. Por veki intereson ĉe la loĝantaro, organizis la Trio paroladon pri Esperanto sub prezido de prof. W. W. Skeat; liaj varmaj laŭdoj de Esperanto havis grandan efikon je la urbestraro kaj la tuta universitato, kiuj proponis al kongresanoj siajn domojn kaj municipalajn konstruaĵojn por la kunsidoj. La simpatioj, elmontritaj de ĉi tiuj gravaj korporacioj, garantias la sukceson de laboro, kiun sindone oferas la Trio. La centra klubo de la universitataj studentoj — Union Society — decidis, ke la kongresanoj estu honoraj membroj de la Union dum la kongresa semajno, kaj ke estu donita je ilia dispono la universitata „Debating Hall." Tiu ĉi honora pruntedono okazis lastan fojon en jaro 1885!

Antaŭ la fino de pasinta jaro vizitis la Trio Centran Oficejon en Paris, kun kiu ĝi interkonsentis pri organiza metodo de estontaj kongresoj. De nun la nacio organizanta la kunvenon garantios la solidarecon de la entrepreno; en okazo, se iu kongreso alportos profiton, ĝi estos dividita po samaj partoj inter la grupo organizinta, la Centra Oficejo kaj la kongresa kaso.

Laŭ programo, anoncita jam en kelkaj gazetoj, oni povas esperi, ke samideanoj, vizitontaj la Trian, ne forgesos ĝin facile. La kongreso daŭros de la 10. ĝis 19. aŭgusto (10., 11., 18., 19. tagoj neoficialaj, en kiuj estos diversaj ekskursoj). Kongresa bileto, kies prezo estas fiksita je 10 K (5 K por blinduloj kaj personoj malpli ol 17-jaraj), donas la rajton ĉeesti ĉiujn oficialajn kunve-

nojn kaj havi rabaton je la fervoja bileto (5/4 de ordinara prezo kostos bileto ira kaj revena) valora de la 9-a ĝis 27-a aŭgusto; ĉiu, kiu pagos antaŭ la 15-a junio, ricevos „Kongresan libron“, kiu enhavos krom la programo multajn utilajn konsilojn: gvidlibreton kaj historian skizon pri Cambridge, tabelojn pri mono, fervojan planon kaj riĉan kolekton da anglaj frazoj kun esperanta traduko akompanatan de klarigoj pri elparolo (laŭ kolonelo H.K. Gordon).

El multaj neoficialaj punktoj de la programo ni citas la jenajn: La urbestro esprimis la deziron doni kun kelkaj aliaj eminentuloj je honoro de kongresanoj specialan akceptan festenon; s-ino Stace, lia edzino, afable konsentis prezidi la akceptan komitaton por sinjorinoj. La 15-an aŭguston okazos ekspozicio de britaj sportoj; dum ekskurso en „Ĝardenan Urbon“ oni vidos ekspozicion de modelaj dometoj; multaj firmoj proponis, ke Esperantistoj vizitu iliajn fabrikojn kaj magazenojn; dekano de Ely permesis viziti la faman katedran preĝejon kaj proponas siajn servojn kiel kondukanto; por la katolikaj kaj anglaj ekleziuloj oni legos dimanĉe la meson kun prediko. Du vesperoj estos rezervitaj por balo (naciaj kostumoj laŭ ebleco) kaj por teatra prezentado, kie oni ludos la unuaktan anglan komedion „Box & Cox“ tradukitan esperanten. (La libreto estas ricevebla jam nun por 70 ctm. en la kongresa oficejo. Ankaŭ la muzikaj poŝtkartoj, 25 por 1 Fr., estas jam mendeblaj.) La vegetarianoj trovos en Cambridge senviandan restoracion. Por eviti la malagrablan ekzamenadon de mono kaj la rehaltigantan kalkuladon, uzos la kongresanoj kvitancojn eldonitajn por tiu kaŭzo de la komitato.

Post la fermo de kongreso oni povos viziti ĉu kelkajn proksimajn urbojn (Stratford-on-Avon, Warwick, Oxford) ĉu Londonon, kie preparas la klubo amikan vesperon kun internacia programo.*)

*V. Riegel*:

## Esperanto — espero de la blinduloj.

La blinduloj, kiuj preskaŭ tute estis eksigitaj el la interkomprenigo kun alilandaj samsortuloj, posedas jam de kelkaj jaroj ligilon, kiu ebligas al ili plej intimajn amikiĝojn eĉ kiam unu ne vidas la alian. Tiu ligilo, kiun mi ne ŝancelas nomi „espero de la blinduloj“, estas nia ŝatinda Esperanto. Du personoj — kiuj komencis la unuaj uzadi ĝin por malgrandigi la malfeliĉon de la

---

*) Ni ĵus ricevis jenan sciigon: „Ni petas ke la Esperantistoj, vizitontaj Londonon post la kongreso, helpu nin festi postkongresajn tagojn en London. Tiuj, kiuj konsentas kanti aŭ deklami, bonvolu tuj sendi (laŭ adreso: Ad. Schafer, 8. Gloucester Crescent. Regent Park. London N. W.) titolon de tio, kion ili volas prezenti, ke ni povu ĝin enskribi laŭ ebleco en la programon.

blinduloj, juna sveda blindulo H. Thilander en Stockholm kaj protektantino de francaj blinduloj fraŭlino Zabilon d' Her — jam en jaro 1901 fervore diskutadis letere pri la estonta tasko de Esperanto inter blindularo. Baldaŭ aliĝis aliaj personoj, precipe H. Boirac, rektoro de la universitato en Dijon, kaj sveda redaktoro Ahlberg, kiuj propagandis la uzadon de Esperanto inter blinduloj per favoraj artikoloj. En somero 1902 estis ĉi tiu temo pritraktita en kongreso de blinduloj (Bruxelles), kie ĝin varmege defendis Dr. Javal kaj Dr. Dor. La saman jaron estis gajnita por tiu ideo nuna, tre konata propagandisto de Esperanto inter blinduloj kaj redaktoro de „Esperanta Ligilo" prof. Th. Cart, kiu, helpata de Thilander kaj Jean-Jaques Monier alfaris la braille-an alfabeton



Dr. E. Javal,
Paris.



K. E. Macan,
Praha.

por Esperanto. Th. Cart baldaŭ kunigis aron da fervoruloj. Je fino de jaro 1902 estis jam ĉio preparita por organizi internacie la blindajn Esperantistojn. Sed oni devis venki ankoraŭ kelke da malhelpaĵoj, precipe provizi bezonajn monajn rimedojn por efektivigi la proponojn. La donacoj de amikoj kaj sukceso de la loterio arangîta de f-ino Zabilon d' Her (kun profito de du mil frankoj) rapidigis la eldonon de plej bezonaj lernolibroj esperantaj, skribitaj laŭ sistemo de Braille (punktita reliefskribaĵo).

„Esperanta Ligilo", gazeto por la propagando de Esperanto inter blinduloj, komencis eliradi antaŭ tri jaroj; ĝi havas nun pli ol 150 abonantojn. La nova gazeto estis bonveninta precipe tie, kie la blinduloj ne havas propran, reliefe presitan gazeton. Post apero de ĉi tiu organo paŝis la afero tre rapide antaŭen. Oni presigis esperantajn librojn por blinduloj, gramatikojn, vortarojn,

k. t. p. En multaj blindulejoj oni malfermis kursojn pri Esperanto: Paris (pruntejo de reliefskribitaj libroj esperantaj), St. Mandé, Dijon, Praha, Kopenhagen, Stockholm, Boston, Berlin, St. Woluve k. t. p.

Krom la kursoj helpis tre grave la aferon korespondado inter blinduloj — Esperantistoj; tiamaniere ili povis facile informiĝi pri aferoj komunaj kaj, komprenante sin reciproke, fari sian sorton pli facila.

Th. Cart, kiu estas animo de ĉiuj entreprenoj farataj por bono de la blinduloj, eldonis nun specialan raporton pri Esperanto inter blinduloj, laŭ kiu estas tre bone videble, kiel progresis la uzado de Esperanto ĉe la tutmonda blindularo, danke personojn, kiuj partoprenis en ĝia disvastigado.

Unu el tiuj, kiuj plej frue meritas esti cititaj, estis Dr. Emile Javal, Directeur honoraire du Laboratoire d' ophtalmologie de l' École des Hautes Études de Paris, Membre de l'Académie de Médecine. Tiu ĉi, blindiĝinte en la sesdekdua jaro, estimis Esperanton pli multe ol iu ajn; en sia libro „Entre aveugles" (konsiloj por uzado de ĵus blindiĝintoj) li traktas en unu tuta ĉapitro pri utileco de Esperanto por blindulo. Li diras interalie:

„Plimulto el la kleraj blinduloj jam lernis aŭ almenaŭ decidis ekterni la helpan lingvon internacian. Esperanto certe disvastiĝos pli rapide inter ili ol inter vidantoj; cetere ĝi utilas pli al blinduloj ol al aliaj, pro du jenaj kaŭzoj:

Unue uzado de mallongigoj en preskaŭ ĉiuj landoj vaniĝas por blindulo lian konon de fremdaj lingvoj. Mi vigle legis france, germane, angle kaj itale; mi sukcesis ankaŭ legi hispane, portugale kaj holande. Ĉio, eĉ miaj grekaj kaj latinaj konoj, vaniĝas, kiam mi provas legi fremdan reliefan presitaĵon en kiu oni uzis la mallongigarton. Tiuj mallongigoj prezentas tiom da malfacilaĵoj, ke s-o Monnier, sekretario de la internacia societo de blindaj lernantoj, estis devigata peti siajn korespondantojn, ke ili forlasu la mallongigojn aŭ skribu esperante. Mi ne kredas, ke oni trovus en Parizo kvar personojn, kiuj povus legi germanan mallongigitan reliefskribon.

Dua kaŭzo, kiu igos dezirinda kaj verŝajna rapidan disvastiĝon de Esperanto inter blinduloj estas, ke en ĉiu lando reliefpresitaj libroj ne sufiĉe vendiĝas por pagi la presajn elspezojn. Esperanto ebligus presi, por uzo de ĉiulandaj blinduloj, semajnan revuon, kiu konigus al ili plej diversajn kaj interesajn aferojn. Ili tiam legus, el la verkoj de la nuna epoko, la plej rimarkindajn, ne pro ilia stilo sed pro enhavataj pensoj; eldonistoj elektus verkojn jam montritajn per grandnombraj tradukoj en multajn lingvojn."

S-o Cart skribas en sia supre citita raporto: „Por nia afero ankaŭ la disvastigado de Esperanto inter blinduloj havas grandan utilon. Se blinduloj uzas inter si Esperanton, kiel do ne povus, ankoraŭ pli facile, vidantoj ĝin uzi? Nenia pli trafanta pruvo pri la facileco kaj la taŭgeco de nia lingvo."

La blinduloj intencas pruvi la taŭgecon de Esperanto ankaŭ,

kiel lingvo parolata, per sia kunveno je okazo de la tria universala kongreso de Esperantistoj, aranĝata nunjare en Cambridge.

La uzado de Esperanto ĉe la fremdlanda blindularo ne restis seninflua je la bohemaj blinduloj, kiuj jam baldaŭ post komenco de ĝia internacia propagandado, dank' al s-o Karel Em. Macan, konatiĝis kun Esperanto.

(*Daŭrigo.*)

## Ruĝa kruco kaj lingvo internacia.

Konata propagandanto de l' Esperanto kaj fervora apostolo de l' Ruĝa kruco leŭtenanto Bayol, instruktoro ĉe la speciala militista lernejo Saint-Cyr en Francujo, plezuriginte Esperantistan klubon en Praha per sia vizito, informis ĝiajn membrojn en kluba kunveno pri la movado, kiun li nomis movado esperantista ruĝkruca. Ni volonte represus la flamajn vortojn de s-o Bayol ne sole pro ilia granda intereseco, sed ankaŭ pro tio, ĉar multaj Esperantistoj de Praha ne povis aŭskulti la parolinton, pasigante la paskan libertempon ekster la urbo. Bedaŭrinde, limigita loko malhelpas nin represi laŭvorte konvinkantajn argumentojn de nia estiminda gasto; ni povas tie ĉi prezenti sole ilian neperfektan, mallongigitan enhavon kaj resumon. Kies scivolemo trovus nian raporton ne sufiĉa, al tiu ni rekomendas tralegi bonegan broŝuron de s-o Bayol enhavantan pli da detalaĵoj: „Esperanto et Croix-Rouge."

Multaj historiaj ekzemploj montras, kiel tre ofte ambulancoj kaj hospitaloj estas dum milita tempo veraj turoj Babel'aj, kiel „la noblaj laboroj de la Ruĝa kruco sur la kampo de batalo ofte perdas ĉian valoron nur pro tio, ke la savanto kaj la savato sin reciproke ne komprenas" (dr. Zamenhof), kiel necesa estas la interkompreniĝado en tiuj institucioj (frapantajn ekzemplojn oni povas legi en „Rememoro pri Solferino" de Dunant).

La bezono faciligi la interkompreniĝon ĉu inter la flegatoj kaj la flegantoj, ĉu inter la diversnaciaj flegantoj inspiris al itala senatano Torelli ideon eldoni bonegan trilingvan (en lingvoj germana, franca kaj itala) gvidlibreton titolitan „Vortaro por la memvolontula flegisto de la militaj vunditoj", kies helpo estis grandega. En jaro 1870-a antaŭ la milito aperis franca-germana eldono de la poŝvortaro de Torelli; pli ol 1600 ekzempleroj estis disdonitaj kaj multaj malsanuloj benis tiun utilan tradukistan libron. Saman jaron eliris simila libreto en Wien. Fine en jaro 1876-a aperis la unuaj eldonoj de rimarkinda verko „Der internationale Lazaretsprachführer" de Paul Blaschke. La bonfarema verko de ĉi tiu filantropo konsistas el dulingvaj gvidlibretoj enhavantaj 1500 vortojn; al ĉiu vorto estas aldonita elparolado kaj almenaŭ kvar frazoj aŭ esprimoj rilataj al ĝi. Sed kiaj malhelpaĵoj malfaciligas la celon de tiuj ĉi eldonaĵoj! Unue ne estas eble antaŭscii, en kiu lingvoj estos bezone la libretojn

verki kaj estus sekve necese, ke ĉiuj ŝtatoj posedu la gvidlibretojn en lingvoj kiel eble plej multaj. Kia malsimpleco! Plue la elparolado aldonita al ĉiuj esprimoj ne povas korespondi kun vera elparolado de aliregionanoj parolantaj en dialektoj, sekve malfacila elparolado malfaciligos interkompreniĝon. Tia solvo ne estas simpla, ne estas vera solvo. Sed kiel plifaciligi la necesegan interkompreniĝon en ambulancoj kaj hospitaloj dum milita tempo?

Hodiaŭ estas sendube, ke tiun Babel'an konfuzon forigus la uzado de la lingvo internacia, de l' Esperanto, ĉar, kiel diris s-o Bayol: „1. La gvidlibroj estos redaktitaj en la nacia lingvo de ĉiu lando kun la traduko esperanta; unu gvidlibreto por ĉiu lando anstataŭos senliman nombron da gvidlibretoj. 2. Plie, Esperanto estas elparolata tre facile kaj same de ĉiuj de kiu ajn nacieco. 3. Fine, dank' al la simpleco de la helpa lingvo internacia, oni ne estos limigataj de iu nombro da esprimoj — tiuj enhavataj en libreto — oni povos paroli pri iu ajn temo, ĉar Esperanto estos lernita dum paca tempo.“

La ideo, apliki Esperanton por la servoj de la Ruĝa kruco, havas jam sian historion. Antaŭ kelkaj jaroj aperis en gazeto „La Lumo“ sensacia artikolo pri ĉi tiu temo. La simpatia prezidanto de l' komitato antverpena de la belga Ruĝa kruco, Dr. Rop, proponis en unu el siaj elokventaj paroladoj la ideon esperanta-ruĝkrucan al la antverpena Ruĝkrucanaro, kiu jam estas preskaŭ tute esperantista. En Francujo aperis ampleksa broŝuro „Esperanto et Croix-Rouge“. Fine en Genève, dum unu el la ĝeneralaj kunsidoj, estis entuziasme akceptita rezolucio pri enkonduko de Esperanto en societojn de Ruĝa kruco. La ideo trovis simpation ankaŭ ĉe neesperantistoj, kiel tion dokumentas la gravaj leteroj senditaj de eminentaj personoj al s-o Bayol okaze la eldonon de lia libro „Esperanto et Croix-Rouge“; precipe interesaj estas la leteroj de la eksministro de militistaj aferoj en Hispanujo generalo markizo de Polavejia (nun reĝa komisario de la hispana Ruĝa kruco), de princo de Ligne, prezidanto de la belga Ruĝa kruco, de la stabestro de l' armeo japana generalo barono Oku k. a. Movado esperantaruĝkruca havas jam en multaj landoj siajn pionirojn. En Germanujo la animo de la movado estas s-o Brühl. En Italujo bonajn rezultatojn atingas tri fervoraj propagandantoj: Dr. Pedrazzini, leŭtenanto Salaris kaj s-ino Junck. En Hispanujo okupas sin per la afero generalo Moncada kun sia stabestro subkolonelo Ayza. En Svedujo estas fervoraj propagandantoj militista intendanto von Waldhaim kaj s-o Ahlberg, en Ameriko prof. Grillon, en Danujo s-o Monster, en Japanujo s-o Mistler, en Malta s-o Busutil, fine en Francujo s-ino Sarpy, rektoro Boirac, kaj multe da aliaj. Multaj paroladoj kaj kursoj estas farataj en la plej diversaj lokoj.

Pri pluaj sukcesoj estas nenia dubo. En niaj adresaroj estas multaj nomoj de personoj, kiuj dum milita tempo partoprenos en Ruĝa kruco (militistoj, kuracistoj, farmaciistoj ktp.). Estas sole necese kunigi tiujn izolulojn, kunigi ĉiujn klopodojn. Ĉu la kuniĝo ne havigos la fortiĝon?

Por akceli tiun ĉi aferon estus dezirinde — laŭ s-o Bayol — ke en ĉiu grupo esperantista, ĉiuj personoj, kiuj estas interesitaj en Ruĝa kruco (flegistoj, kuracistoj, farmaciistoj, militistoj k. s.) kuniĝu sekcie, kiel „Esperantista sekcio de Ruĝa kruco en . . .“ La simpatia projektanto esperas, ke similaj sekcioj havus du profitojn: unue por esperantistaj societoj estus tiel varbataj membroj, kiujn la sola ideo de Esperanto ne altiras, sed kiujn altiras la ideo de Ruĝa kruco; due estus trafita la dezirata celo: la kuniĝo de Verda stelo de Esperanto kun la Ruĝa kruco de Genève.

Fininte tiun ĉi raporton — reproduktantan bedaŭrinde malforte la elokventajn vortojn de s-o Bayol — mi atentigas la legantojn pri interesa eldonajo, malgranda broŝureto en formato de ŝlosiloj (Ĉefeĉ) enhavanta kolekton da francaj-esperantaj frazoj plej multe kaj ofte uzataj sur batalkampo en ambulancoj kaj hospitaloj *Observanto.*

Ni ĵus ricevis sciigon, ke s-o leŭtenanto Bayol malfermos la 8-an majon kurson de Esperanto ĉe la centra oficejo de potenca virina ruĝkruca societo „Union des Femmes de France“ (Paris 29. rue de la Chaussée d' Antin). Alian kurson li malfermis en la militista lernejo de St-Cyr; 133 lernantoj (el 240) studas la lingvon internacian. Generalo Dubail, komandanta la lernejon kaj majoro, komandanta la batalionon de St.-Cyr, ĉeestas. Ankaŭ kelkaj instruktoraj oficiroj partoprenas. Grupo esperantista estas en formado.

## Kronika.

**FRANCIE.** Časopis „Espero Pacifista“ sděluje, že již 22 mírové společnosti dopisují Esperantem. — Sportovní list „Tous les Sports“ uveřejňuje týdenní esp. kroniku o sportovních událostech. Redaktor této části, R. Isambert (Chartres, Eure et Loire) hledá spolupracovníky k vydání sportovního slovníku. — „Tra la Mondo“, illustrovaný měsíčník esp., zahájil anketu o výchově ve všech zemích. Povšechnou zprávu, sestavenou na základě došlých článků (dosud zastoupeno 15 zemí), uveřejňuje Dr. Rousseau ve jmenované revui; pojednání jsou provázena četnými illustracemi. — Z mnoha přednášek třeba zaznamenati: Předseda francouzského spolku pro šíření Esperanta, de Beaufront, získal pro naší myšlenku zájem učitelstva pařížského přednáškou konanou v Association Amicale des Anciens Elèves de l' Ecole Normale de la Seine; týž promluvil o Esperantu v odborné vojenské škole v St.-Cyr u Paříže. Pozor-

nosti zasluhují i četné přednášky lieutenanta Bayola v různých spolcích Červeného kříže v Paříži a Charentonu.

**ANGLIE.** K řadě klubů esperantských (roku 1906 založeno 35 klubů!), přibyly nově založené spolky v Handforth, Harrow, Hartlepool, Derby, Kilmalcolm a Surat (Indie). Netřeba podotýkati, že rovněž počet kursů a přednášek o Esperantu stoupá každým měsícem. — Starosta města Doveru, kde před třemi roky konala se první schůzka Esperantistů francouzských a anglických, věnoval čtyři odměny nejlepším žákům letního kursu esperantského. — Nejstarší klub v Keighley pořádal zábavní večer, spojený s rozpravou o druhém kongresu, v níž J. Rhodes promítal řadu zdařilých podobizen, které sám na kongresu zhotovil; vzhledem k veliké účasti i neesperantistů pojednal J. Ellis též anglicky o obsahu této zajímavé přednášky. — Angličtí Esperantisté navštíví dne 20. května t. r. francouzské město Calais. — Plukovník Dr. Pollen, předseda svazu „Brita Esperanta Asocio", podnikl cestu do Indie, kde měl příležitost přednášeti o Esperantu před králem a šlechtou indickou. — Časopisy „Glasgow Evening News" a „Glasgow Herald" otevřely své sloupce rubrice esperantské. — Nové vydání anglicko-esperantského slovníku vyjde v nejbližších dnech nákladem časopisu „The Review of Reviews", který přináší v každém čísle (měsíčně) kroniku esperantskou. Slovník bude obsahovati 700 stran kapesního formátu. — Letošní zkoušky z Esperanta, pořádané londýnskou obchodní komorou, konají se koncem dubna; loňského roku došlo 160 přihlášek (více než na kterou jinou řeč)· všeobecně překvapila značná účast a dobrý výsledek zkoušky.

**NĚMECKÉ** hnutí esperantské šíří se neméně uspokojivě: Počet časopisů, obsahujících články o Esperantu, značně vzrostl. Časopis pro mezinárodní dopisování „Mondo" v Berlíně uveřejňuje stálou rubriku o hnutí esperantském a zasílá svým předplatitelům zdarma německo-esperantskou přílohu „Liberaj Horoj", vydávanou měsíčně časopisem „Germana Esperantisto". — Vídeňský denník „Neuigkeits Weltblatt" uveřejňuje v nedělních číslech krátké texty esperantské s poznámkou, že interessentům zašle administrace brošuru o Esperantu se slovníčkem, dle něhož lze článkům esperantským snadno porozuměti. (Imitinda ekzemplo!) — Pozoruhodný článek prof. Lavala uveřejnil časopis „Germana Esperantisto": La angla lingvo kiel lingvo internacia. Článek jedná o zavedení anglického jazyka co mezinárodního, na základě řádného zjednodušení dnešního pravopisu: jak již často měli jsme příležitost sledovati podobná hnutí za reformou, můžeme očekávati, že i tato změna neuskuteční se tak záhy, aby Esperantu bylo obávati se konkurence — živého jazyka, jehož základy, slovník a gramatika, zůstanou přes to stejně těžkými, těžšími než základy Esperanta. (Pozn.: Neméně

zajímavý článek uveřejnil L. de Beaufront v časopise L' Espérantiste, novembro 1906: Ĉu Esparanto aŭ la angla lingvo?) — Berlínský klub esp. uspořádal ve svých spolkových místnostech („Vereinshaus des Westens", Bülowstr. 107) schůzi, jíž účastnili se hosté ze Švýcar, Ruska, Moravy, Uher a Španělska.

Ve **ŠPANĚLSKU** soustřeďuje jednotlivé spolky esperantské „Hispana Societo por la propagando de la lingvo internacia", v jehož čele stojí ministr vnitra Joh. La Cierva. Důležitá střediska Esperantistů jsou v městech: Barcelona, Burgos, San Fernando, Valencia, Carcagente, San Sebastián, Sabadell, Santa Cruz de Tenerife, Alicante, Ubeda, Madrid, Coruña, Santiago, Portugalete, Tortosa, Lugo Cartagena, Simat de Valldigna, Medina del Campo, Enguera, Gracia, Bermeo, Salamanka, Eibar a j. v. Orgánem těchto spolků jest měsíčník „La Suno Hispana"; v něm dočítáme se o mnohých kursech pořádaných většinou na školách obchodních a středních. Národní časopisy začaly v poslední době uveřejňovati články o Esperantu; některé přinášejí stálé zprávy ve zvláštních kronikách: „Notoj Esperantistaj!" (La Voz de Guipúzcoa). — Oběžník „Galicia Stelo", jehož účelem jest a sjednotiti jednotlivé stoupence, byl právě vyslán na cestu po všech provinciích.

**BRAZILIE**. Časopis „Renascença" podává v 1. čísle letošního ročníku několik zajímavých zpráv o postupu Esperanta v Brazilii. Ze článku, ozdobeného několika illustracemi, vyjímáme: První spolek byl založen Dr. Backheuserem v Rio de Janeiru r. 1906. Od té doby podařilo se hlavně přednáškami získati velikou řadu stoupenců, kteří již opět nová střediska zakládají v ostatních městech brazilských. Též úřady všímají si našeho jazyka, o čemž svědčí povolení ministra obchodu k otevření kursů na školách a svolení ministra vojenství, aby se Esperantu vyučovalo ve vojště. — Nynější předseda brazilského spolku esp., poslanec Medeiros e Albuquerque, vynasnažil se, že Esperanto bylo zařazeno mezi řeči, jimiž jest možno telegrafovati: portugalštinu, španělštinu, frančtinu, angličinu, němčinu a italštinu. Telegram podaný v jiné řeči považuje se za šifrovanou depeši, za jejíž odeslání třeba platiti značně vyšší poplatek. — Mluvnici esperantskou pro Portugalce vydali Dr. Alberto Vieira a Dr. Leonil Fonseca. Novou učebnici připravuje Murillo Furtado, zástupce Esperantistů brazilských na sjezdu ženevském.

O p r a v a: V čísle 3. čti na str. 43. (řádka 13.) „č t v r t e č n í" místo „č t v r t l e t n í".

*    *

Esperantista Klubo en **PRAHA** estis plezurigita per vizito de gesinjoroj Bayol el Francujo, kiuj, akceptinte la inviton de bohemaj Esperantistoj, pasigis en Praha la Paskon. Je honoro de siaj francaj gastoj aranĝis la klubo amikan vesperon en restoracio „Louvre",

kie s-o leŭtenanto Bayol parolis tre interesplene pri la utileco enkonduki Esperanton en la societon de Ruĝa kruco. La kunvenon partoprenis ankaŭ s-o Dr. Luboš Jeřábek, favoranta Esperanton de tempo, kiam li havis okazon konvinkiĝi pri ĝia taŭgeco kiel membro de komitato de bohema londona ekspozicio 1906. Niaj ĉiutagaj gazetoj raportis pri la vizito de estimataj gastoj, parolante ankaŭ tre favore pri Esperanto mem. Gesinjoroj Bayol vizitis ĉiujn rimarkindajn vidindaĵojn de Praha, precipe la magistratan domon, kie ilin akompanis konata protektanto de franca-bohema „entente-cordiale" s-o Emanuel rytíř z Čenkova. Speciale interesa estis por niaj estimataj gastoj vizito de ceteraj esperantistaj centroj de Praha: blindulejo de Klár kaj muzeo de Náprstek.

Esperantistoj en Praha, esprimante al siaj neforgeseblaj gastoj koran dankon por ilia vizito, esperas, ke ĝi ne estis la lasta; tial — je revido, je baldaŭa revido!!

**Gazetaro.** „Jihočeské Listy" (Budějovice, 16. III.): Bibliografie. — „Čas", „Den", „Hlas Národa" 3. IV., „Národní Politika" 4. IV., 6. IV., „Den" 6. IV. přinesly zprávy o návštěvě lieutenanta Bayola v Praze. — „Časopis českého úřednictva železničního" (Praha, 1. IV.): Učte se Esperantu! — „Budivoj" (Budějovice, 29. III., 3. IV.): O mezinárodním jazyku. Předneseno prof. L. de Beaufrontem na kongresu „Association Française pour l' Avancement des Sciences" v Paříži. Přeložil z Esperanta F. S. — „Budivoj" 19. IV.: Z kroniky Esperantistů. Dle Časopisu Českých Esperantistů podává F. S. — „Den" 12. IV., „Národní Listy" 14. IV.: Esperanto a bohoslužba. — „Smíchovský Obzor" 13. IV.: Esperanto a internacionalismus. H. K. B. — „Jihočeské Listy" (Budějovice, 20. IV.): Ze světa esperantského. F. S. — „Národní Politika" 17. IV.: Adresář českých Esperantistů hodlá vydati p. Vilém Pražák v Luži. Esperantisté, pošlete mu svoji adresu se známkou (10 hal.). Kdo by si přál, aby mu byl adresář hned po vyjití na označenou adresu zaslán, přilož 50 hal. — Stálá rubrika esp. v časopise „Student" obsahuje (č. 15. a 16.) překlad Nerudovy povídky: Historio de pajla matraco.

## Bibliografio.

Commandant Ch. Lemaire: Tra Mez-Afriko. A travers l'Afrique centrale. Parolado kun projekcioj donita al la Dua Universala Kongreso de Esperanto. — Eld. A. J. Witteryck, Bruges. 1907. Aĉetebla ĉe Esper. Centra Oficejo en Paris. (85 pĝ. 22 × 27·5.) Prezo Fr. 2·75.

En antaŭparolo al tiu ĉi belega verko klarigas generalo Sébert la gravan signifon de scienca esplorado farata de komandanto Lemaire en Afriko. Li akcentas la karakterizan trajton de lia koloniiga laboro — paciencon kaj bonecon kontraŭ la loĝantoj, kiujn ni juĝas sovaĝaj sed kontraŭ kiuj eĉ ne unufoje bezonis la fama esploristo uzi perforton aŭ pafilon. — La libro, skribita france kaj esperante, estas tre riĉe ilustrita; ĝi prezentas „modelon de l'estontaj eldonaĵoj," kiuj enhavas la tekston esperantan, kompreneblan por tuta mondo, flanke de la teksto nacia.

Esperanta frazlibro de l' turisto el jarlibro de

Franca Touring-Club. III. eldono. 1907. Presa Esp. Societo, Paris (84 pĝ. 8·5 × 14·5). Prezo 50 ctm.

Tiu ĉi praktika libreto enhavas esperantan gramatikon verkitan en kvin lingvoj kaj kolekton da 400 frazoj en ses paralelaj tekstoj: franca, angla, germana, itala, hispana kaj esperanta. Enhavo: En hotelo. Kun mekanikisto. En poŝta kontoro. Sur landlimo. Por vojiro. Por fervojo. En urbo.

La verkon legos kun plezuro ne sole la turistoj, sed ĉiuj lernantoj de Esperanto, kiuj studas ĝin por praktika vivo, por ĉiutaga uzado.

Provo de esperanta nomigado de personaj nomoj. Valencia. Eld. Pubul y Morales. 1907. (77 pĝ. 10·5 × 15.) Prezo 75 pes.

Nia malnova hispana samideano Jimenez-Loira ordigis alfabete latinajn nomojn de personoj kun aldonitaj esperantaj tradukaĵoj. La libreto estas projekto aŭ provo, pri kiu la cenzuro kaj kritikistoj estas invitataj diskuti por starigi, laŭ interkonsento, definitivan ellaboraĵon.

Florian: Du Biletoj. Unuakta proza komedio esperantigita de H. J. Bulthuis & L. Touchebeuf. 1907. Paris. Presa Esp. Societo. (31 pĝ. 12·5 × 19·5.) Prezo 40 ctm.

Niaj legantoj, kiuj abonas la Lingvon Internacian, havis jam okazon legi en ĝia aldono ĉi tiun bonstile tradukitan amuzaĵon. La speciala eldono altiros al la verko ankoraŭ pli multe da legantoj, precipe amikojn de la teatra literaturo.

Paul Fruictier: Esperanta sintakso. Laŭ verkoj de Dr. Zamenhof kaj aliaj aŭtoroj; kun prezenta letero de prof. Cart. II. eldono. 1907. Presa Esperantista Societo, Paris (80 pĝ. 11 × 17·5). Prezo Fr. 1·50.

La sintakso, kies unua eldono aperis en jaro 1903, estas detala klarigo de reguloj de nia lingvo, donita esperante. Apud la Fundamento de Dr. Zamenhof ĝi estas internacia lernolibro de Esperanto, en kiu konstatas kaj difinas la aŭtoro leĝojn, kiujn nia majstro ne volis doni de katedro, sed kiujn li modeste proponis per ekzemploj. La akiro de bona „internacia stilo", atingebla per zorga legado de modelaj verkoj, estas multe helpata per tiu ĉi libro, kiun oni trovu en manoj de ĉiuj Esperantistoj, kaj precipe ĉe tiuj, kiuj volas skribi por la preso.

Grand Dictionnaire Français-Esperanto contenant des aperçus de syntaxe de Esperanto et la traduction des principales expressions usuelles françaises. Redigé en collaboration par un groupe d' esperantistes sous le controle de revues Lingvo Internacia et L'Espérantiste. Paris. Presa Esperantista Societo.

Eliris jam kvar kajeroj de tiu ĉi plej granda kaj grava entrepreno en literaturo esperanta. La tuta vortaro enhavos 2000 paĝojn (8⁰) kaj estos eldonata tri aŭ kvar jarojn (60—65 kajeroj); prezo por antaŭpagantoj estas ĝis 1-a oktobro 1907 deksep frankoj (18 fr. pageblaj po ses frankoj, kvaronjare); post la nomita dato kostos la verko tridek frankojn. Ĉiun, kiu volas posedi riĉegan vortaron, ni atentigas pri nomita verko, kiun ni ĉiam rekomendas.

— La kvara kajero (pĝ. 49—64; 20 × 26) enhavas vortojn *anémomètre* ĝis *arcade.*

M. Jurkov: Rutena lernolibro de la lingvo Esperanto. 1907. A. Brugger, Tarnopol. (76 pĝ. 11 × 17). Prezo 70 hel.

Unua rutena libro pri Esperanto promesas fari al nia afero grandajn servojn — almiliti novajn regionojn, novan popolon. La verko enhavas krom gramatiko la „Ekzercaron“ de Zamenhof kun traduko de ĉiuj lecionoj.

Th. Cart: Une heure d'Esperanto, conférence dialoguée. II. eldono 1907. Presa Esp. Societo, Paris. (24 pĝ. 11 × 17.) Prezo 50 ctm. Se vend au profit des aveugles.

Sub formo de amuza unuakta komedieto prezentas tri aktoroj nian lingvon, ĝian staton en la mondo kaj fundamenton de esperanta gramatiko; la ludo varbis jam multajn novajn membrojn al societoj esperantistaj, kiuj prezentis ĉi tiun lerte verkitan scenon.

Th. Cart: Un' ora d' Esperanto. Conferenza in forma di dialogo pubblicata da J. Meazzini. 1906. Udine. (20 pĝ. 11 × 17.) Prezo 50 ctm.

Tradukinda franca verketo de Th. Cart trovis jam novan eldonanton, kiu klopodis pri ĝia disvastigo inter alia nacio: post la traduko germana de O. Simon ni ricevas la tradukon italan, same zorge verkitan kaj presitan.

Gabriel Chavet: Où en sommes-nous? 1907. Paris. (2-e) Librairie de l' Esperanto, 46. rue St. Anne. (24 pĝ. 11 × 17). Prezo 50 ctm.

Neniu povis doni al ni pli bone tiom da freŝaj kaj ĝustaj informoj pri niaj progresoj, ol sekretario de Centra esp. oficejo; por la francaj propagandistoj li elverkis dokumentaron, kiu certe konvinkos multe da skeptikuloj. La broŝuro enhavas respondojn je demandoj plej ofte aŭdataj. Kia estas la nombro de la Esperantistoj? La kongresoj esperantaj, nia organizo, kongresoj internaciaj kaj Esperanto, sciencistoj, registaroj, gazetaro, militistaro, internacia komerco. Legante la plej novajn statistikajn nombrojn, ni ĉiuj nepre devas konstati la ĝojigan progresadon, la proksimiĝon al venko.

L. Couturat: Per la lingua internazzionale, trad. J. Meazzini. 1906. Coulommiers. (30 pĝ. 13 × 19.)

Taŭgecon kaj gravecon de tiu ĉi fame konata verko montras la novaj tradukoj mem pli bone ol ni povus diri per kelkaj linioj. Eliris jam germana, angla, franca itala kaj bohema broŝuroj, kiuj ĉiuj plenumas mirinde la mision; legu ilin ĉiu, kiu deziras bone instruiĝi pri la demando de internacia lingvo.

Wilhelm Ostwald: Die internationale Hilfssprache und das Esperanto. 1907. Möller & Borel, Berlin. (20 pĝ. 15 × 23.) Prezo 24 hel.

Jam kelkafoje ni havis okazon noti la sukcesplenajn paroladojn de prof. Ostwald, faratajn en diversaj urboj eŭropaj eĉ amerikaj; lia nova broŝuro traktas pri la problemo de helpa lingvo kaj pri ĝia solvebleco per Esperanto.

# Informoj pri bohema nacio.

Nia celo, atentigadi per tiu ĉi rubriko la fremdlandajn samideanojn pri signifaj aferoj, okazantaj en regno Bohemujo, estis tre amike akceptita de la esperantistaro. El multaj leteroj ni citu simpatiajn raportojn de la gazetoj, precipe de la ilustrita revuo „Tra la mondo“, kiuj klare dokumentas la bonan komprenon de nia volo. Ne povante mem tuŝi ĉ i u j n okazintaĵojn detale, ni decidis raporti ankaŭ pri samtemaj artikoloj presataj en fremdlandaj gazetoj. Hodiaŭ ni altiras atenton de nia j francaj samideanoj je ilia revuo „Le monde moderne“ kies februara numero enhavas bonan artikolon „La quéstion tchèque“ akompanatan de kelke da rimarkindaj vidaĵoj de Praha. Sur kovrilo de tiu ĉi revuo estis reproduktita portreto de glora bohema aktorino Marie Laudová.

Kiam mi estis tuŝinta ĉi tiun fakon de nia nacia vivo, la teatron, kies edukada signifo estis tre granda, mi ne povas preterlasi la okazon kaj ne raporti pri la granda perdo kiun suferis nia nacia teatro: granda stelo, en vera signifo de tiu ĉi vorto, konata aktorino Hana Kvapilová la lastan fojan transpaŝis la scenejon. La teatro perdis la plej bonan interpretistinon de ĉefaj roloj el famaj dramoj de la tutmonda literaturo.

Sed ankaŭ la politika mondo bohema perdis homon signifoplenan, la maljunan gloran politikiston Dr. Edvard Grégr, kiu dum kvindek jaroj, travivitaj en servoj de la nacio, batalis per sia oratora talento kontraŭ la Wien'a registaro kaj defendis la kulturajn havaĵojn de sia nacio.

Nia ĉefurbo, Praha, nun festene beligita ĉe okazo de la vizito de bohema reĝo, prenis sur sin por du semajnoj mienon de vivoplena restadeja urbo. Festena lumigado de la tuta urbo faris ĝin fabela, ĉarma. Sian brilan vestaĵon demetos la urbo post forveturo de la reĝo, sed ĝi vestiĝos denove festene ĉe okazo de granda kunveno de Sokoloj. La nunjara V. festo, aranĝota de la 28-a junio ĝis 1-a julio estos pli granda ol ĉiuj antaŭaj, ĉar ĉeestos ĝin ankaŭ fremdlandaj federacioj gimnastikistaj, precipe la francaj, svisaj, belgaj kaj italaj. Ĝi estos bona okazo por elmontri la signifon kaj lertecon de bohemaj gimnastikistoj, neunufoje dokumentitajn per la brilaj venkoj en luktejoj francaj.

La bohemaj Esperantistoj aranĝos ĉe okazo de ĉi tiu festo specialan kunvenon de Esperantistoj, kaj ili invitas tial ĉiujn samideanojn, ke ili sciigu jam nun al redakcio de nia gazeto, siajn nomojn kaj la daton, kiam ili ĉeestos la feston. Laŭ la ricevitaj aliĝoj ni fiksos la programon, kiun ni publikigos en nia 5-a numero. *V. Riegel.*

*Ekzistas riproĉoj laŭdantaj kaj laŭdoj riproĉantaj.*

# Telefono.

Tre valoran dokumenton pri la disvastiĝo de Esperanto posedas „Esperantista Klubo en Praha". Ĝi estas ampleksa letero en formo de longa zono, kiu rondiris ĉirkaŭ la terglobo. La tri metrojn longa, 12 cm larĝa paperzono estas 17-foje fleksita; la tuto estas gluita sur fortika tolo, sur kiun skribis la elsendinto adresojn de 15 esperantistaj grupoj dissemitaj en plej diversaj landoj de la mondo. Esperantista klubo de Praha mem metis sur unuan lokon grandan panoraman vidaĵon je nia ĉefurbo, kies nomon „**PRAHA**" havas ankaŭ la nova „globe trotter", historian kaj geografian skizon de nomita urbo kaj mallongan raporton pri Esperanto en Bohemujo laŭ stato en jaro 1905. Krom kelkaj instruoj pri maniero de kunmetado de la letero ĝi enhavis peton, ke ĉiu adresato notu sur folio por li speciale rezervita kelke da frazoj, kiuj koncernu Esperanton aŭ lian landon. Malsupre sur ĉiu folio estis loko apartigita per linio, kien oni enskribadis naciling van tradukon de tiu ĉi frazo: „Per Esperanto efektiviĝos bela ideo de paco, de homara kunfratiĝo, de reciproka interkompreniĝo de nacioj; kaj tial ĉiuj, kiuj estas entuziasmitaj per tiu brila ideo, senĉese, nelaceme kaj energie laboru, por ke tiu sankta ideo triumfu kaj plenumu sian noblan celon!" Al la leteraro apartenas tola koverto, kies antaŭa flanko, parte eltranĉita, ebligas la legon de adreso laŭ kiu la sendaĵo devis daŭrigi sian vojon. La 21an februaron 1905 forsendita, ĝi vizitis ĉi tiujn landojn: Germanujon, Svedujon, Rusujon, Bulgarujon, Italujon, Afrikon, Hispanujon, Francujon, Anglujon, Kanadon, Meksikon, Peruon, Ĉilion kaj Aŭstralion. Post 21-monata vagado en la mondo revenis la valora sendaĵo preskaŭ nedifektita, enhavante multajn signifoplenajn dokumentojn. Ĝi estis ofte atestinto de interesaj okazintaĵoj. En Berlin la solena inaŭguracio de nova katedra preĝejo, Svedujo notas kvin urbojn kie ĵus estis fonditaj kluboj, rusaj samideanoj, tuŝante la politikan vekiĝon, ne preteratentas la okazon saluti per „Praha" la ceterajn amikojn. Sinceran rememoron el Bulgarujo interpretas al ni nia vajaĝanto, kiu baldaŭ efikas kiel bona propagandilo ĉe fondado de Roma esperantista societo „Imperiosa Civitas". En Alger ĝi trovis gravan entreprenon, esperantistan ekspozicion internacian, kiu okazis en la komerca ĉambro; hispanaj Esperantistoj bonvenis ĝin dum nacia solena tago — tricentjara jubileo de unua madrida eldono de Don Kiĥoto. Vizitinte la sidejon de „Presa Esperantista Societo" en Paris ĝi surprizas la londonan klubon kaj la „British Esperanto Association". Post longedaŭra marvojaĝo aperas „Praha" sur amerika kontinento — en Kanado. Pro foresto de adresato, kiu tiutempe estis en Boulogne sur Mer en nia unua kongreso, malfruiĝis la

letero, kiun oni atendis jam en Mexico, Lima kaj Santiago; el ĉi tie ĝi alportas saluton eĉ boheman. Lasta, la plej bela pentraĵo, estas aldonita de Esp. Klubo en Melbourne. Granda kolekto da kartoj ricevitaj dum irado de „Praha" el nomitaj urboj kaj bela kolekto da poŝtmarkoj konservitaj sur la adresflanko interesas la kolektistojn. La Klubo en Praha dankeme memoros amikojn, kiuj helpis la ĉirkaŭiron de ĝia letero; jen oni vidas pruvon, ke „la suno ne subiras en Esperantujo."

Grandan katalogon de ĉiuj libroj esperantaj, kiuj eliris kaj eliras, preparas la Centra oficejo. La verko enhavas krom la titoloj ankaŭ nelongajn recenzaĵojn. Esp. librovendejoj sendas laŭ peto siajn novajn katalogojn. La „Librairie de l' Esperanto" (Paris, 2-ème arr. 46. rue Sainte-Anne) eldonis katalogojn ĝeneralan, specialan, teatran kaj muzikan. Nova, plenigita eldono (12 pĝ.) estas en presado.

La Esperantistoj povas lerni facile fremdan lingvon, se ili legas la paralelajn tekstojn en siaj propagandaj gazetoj. Por lerni la lingvon francan ni rekomendas elekti la organon de francaj grupoj „L' Espérantiste". Gazeto „Germana Esperantisto" prezentas bonan materialon en speciala ambaŭlingva aldono „Liberaj Horoj". (Nomaron de ceteraj revuoj oni trovos sur 16 pĝ.) La legado de verkoj (tradukitaj) kune kun la originalo, estas ankaŭ metodo tre bone rekomendinda; same por lerni Esperanton mem oni uzu ĉi tiun metodon. La Esperantistoj ne celas konstrui muron ĉirkaŭ ĉiu viva lingvo kaj malhelpi kaj malebligi ĝian vastiĝon en fremdan landon; ili uzas sian lingvon tiam, kiam la naciaj, vivaj lingvoj ne sufiĉas por interkompreniĝo, ekz. en kongresoj, dum vojaĝoj, en korespondado kun homoj, kies lingvon ili ne scias, sed kiuj komprenas kaj ellernas facile kaj baldaŭ Esperanton (legu la artikolon pri ŝlosiloj de Ĉefeĉ) k. t. p. Multaj leteroj atestas la laŭdindan laboron de Esperantistoj, kiuj instruas per korespondado sian gepatran lingvon al fremduloj; antaŭ nelonge eldonita esperanta gramatiko de franca lingvo (Boulet en Boulogne sur Mer) dokumentas niajn vortojn. — Malgraŭ tio, ke ni diris: Esperantistoj uzas sian lingvon tiam, kiam la vivaj lingvoj ne sufiĉas por interkompreniĝo, ni rekomendas paroli esperante ankaŭ al samnacianoj, ke ili lernu uzadi buŝe la lingvon; ili ŝatu la okazon, kiam ili povas praktike lerni! Malfrue estas komenci nur kiam fremdulo vizitas nin aŭ kiam ni devas veturi ekster la landlimo.

* Esperantisté mohou se učiti snadno cizí řeči, čtou-li souběžné texty ve svých propagačních časopisech. K učení se jazyku francouzskému doporučujeme vyvoliti orgán francouzských klubů „L' Espérantiste". Časopis „Germana Esperantisto" podává

dobrou látku ve zvláštní obojazyčné příloze „Liberaj Horoj“. (Seznam ostatních revuí naleznete na 16. str.) Čtení děl (přeložených) zároveň s originálem jest rovněž methodou hodnou doporučení; stejně k učení se Esperantu samu použijte této methody. Esperantisté nesnaží se zbudovati zeď kolem každého živého jazyka a překaziti a znemožniti jeho šíření se do cizí země; oni užívají svého jazyka tenkráte, kdy národní, živé řeči nestačí ku vzájemnému dorozumění, na příklad na kongresech, na cestách, v dopisování si s lidmi, jichž řeči neznají, ale kteří pochopí a naučí se snadno a brzy Esperantu (čtěte článek o klíčích Ĉefeĉových) atd. Mnoho dopisů potvrzuje chvalitebnou práci Esperantistů, kteří učí cizince svému mateřskému jazyku dopisováním; před nedávnem vydaná esperantská gramatika frančtiny (Boulet v Boulogne sur Mer) dotvrzuje naše slova. — Vzdor tomu, že jsme řekli: Esperantisté užívají svého jazyka tenkráte, kdy živé řeči nestačí ku vzájemnému dorozumění, doporučujeme i příslušníkům stejného národa mluviti esperantsky, aby naučili se užívati jazyka ústně; nechť váží si příležitosti, kdy mohou učiti se prakticky! Pozdě jest začínati teprve když cizinec nás navštíví nebo když jest nám jeti mimo hranice.

Tutmonda Esperantista Poŝkalendaro por la jaro 1908-a. En la fino de tiu ĉi jaro eldonos la firmo Möller & Borel en Berlin poŝkalendaron, kiu enhavos en praktika kaj oportuna formato materialon interesan por Esperantisto, sciigojn internaciajn: adresojn, tabelojn k. t. p. Proponojn kaj dezirojn volonte akceptos kaj laŭ ebleco plenumos redaktoro de la kalendaro s-o J. Schröder en Wien VII. Kaiserstr. 10. Anoncoj estas akceptataj jam nun ĉe Esperanto-Verlag, Berlin S., Prinzenstr. 95.

* Světový esperantský kapesní kalendář na rok 1908. Koncem tohoto roku vydá firma Möller & Borel v Berlíně kapesní kalendář, který bude obsahovati v praktickém a výhodném formátu materiál zajímavý pro Esperantistu, zprávy mezinárodní: adresy, tabulky a t. d. Návrhy a přání s ochotou příjme a dle možnosti vyplní redaktor kalendáře p. J. Schröder ve Vídni VII. Kaiserstr. 10. Inserty přijímá již nyní Esperanto-Verlag, Berlin S., Prinzenstr. 95.

## PROVOLÁNÍ.

Vybízíme všechny čtenáře, aby zaslali nám své návrhy na ustavení **„Svazu Českých Esperantistů“**, který soustředil by v sobě všechny spolky, kluby, odbory a kroužky v našem mocnářství, po vzoru svazů ve Francii, Anglii, Americe, Německu, Bulharsku, Belgii, Rusku a Španělsku. Návrhy otiskneme již v nejbližším čísle.

**Redakce.**

V „**Illustrovaných Přednáškách**“ bylo vydáno dvojčíslo 56., 57. (za 24 h). Astronomické pojednání o Zemi. Astronomické články předcházející jsou: Dalekohled hvězdářský (12 h), O krajinách měsíčních Sirius (26 h), Spojka II. Světlo a stín (24 h), Problem prostoru (48 h), Čas (24 h). Všechna tato čísla možno obdržeti za poštovní známky zaslané Administraci „Illustrovaných Přednášek“ v Plzni.



**Nova eldono** de esperanta lernolibro por Bohemoj estas preparata.
**Nové vydání** esperantské učebnice pro Čechy se připravuje.
Sin turni al nia redakcio en Praha II. 313.



Eldonanto: Ed. Kühnl. – Presejo de K. Pitter, Praha.